# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 20/09/2017 Tricent- kvardeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Freelang Vortaro* * *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,020,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **209,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,229,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# SESJARA!

## La Novaĵletero (AE)



## « La Aŭstraliaj Esperantistoj » naskiĝis 20/09/2011.

## Dankon al miaj karaj kontribuantoj








## Sen vi, AE ne povus ekzisti.

Roger Springer

生日快乐 Feliĉan naskiĝtagon



Unua Eldono 20/09/2011

# AUSTRALIAJ ESPERANTISTOJ



Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni

Se vi trovas bonan informon sur la reto ktp, informu Aŭstraliajn Esperantistojn

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo



## El Adelajdo





Kara Roger,

Vi ĉiusemajne regaladas nin per multaj informoj, interesaĵoj, sciindaĵoj. Reguleco, klareco, persista antaŭenirado... Dankon kaj gratulon al vi. Restu sana kaj forta por ke ni povu gratuli vin ĉe ankoraŭ multaj jubileoj.

Amike *Katja Steele*



## El Melburno



En kriza momento de la historio de la Esperanto movado en Aŭstralio, Roger trovis solvon por krei ligon inter membroj de ĉiuj tendencoj: la novaĵletero, la bulteno kiun Roger nun titolas "Australiaj Esperantistoj" Sen devige esti membro de iu asocio, eblas konservi la kontakton kaj havi ideon pri kio okazas en la lando. Dankon al Roger pro tiu iniciato kaj gratulon pro la daŭra laboro. Ju pli da kontribuantoj, des pli grava fariĝas AE. Ĝi longe vivu.

*Franciska Toulbale*



## El Brisbano



Brisbana Esperanto Societo gratulas estimatan laboriston, Roger Springer, en nia amata Esperanto movado pro ses jaraj eldonoj de lia jurnalo. DAŬIGU ROGER!

Florajn gratulojn al vi, kara Roger, pro la sesa naskiĝtago de via jurnalo el mia orkido ĝardeno.

Amike, *Petro Danzer*



# El Adelajdo



Nu, treege baldaŭ ni ĉiuj povos festi kaj celebri la 6-an naskiĝtagon de "Aŭstraliaj Esperantistoj".

La novaĵletero, kiu ĉiun semajnon ĝojigas kaj feliĉigas nin ĉiujn. En ĝi legeblas i.a. la saĝaj kaj inteligentaj konsiloj de Marcel Leereveld pri tio, kiel plej bone esprimi sin en sufiĉe facila Esperanto. Tio estis ja la deziro de L.L. Zamenhof, ĉu ne? Oni devas lerni esprimi sin tiel, ke ĉiu povas kompreni nin. Esperanto ne estas kreita por ke la parolanto aŭ verkanto povu fanfaroni per siaj privataj stilo kaj vortelekto.

Kaj ni ne forgesu tiun, kiu la tutan tempon, dediĉas sin mem al la disvastigo de tiu nia eksterordinara mondlingvo. Tiu, kiu laboregas por diskonigi tion, kio okazas en la multaj diversaj kluboj dise en Aŭstralio. Homo, kiu faras tion estas ja vera heroo. Li amas nian Esperanton kaj volas nur, ke ankaŭ ni aliaj esperantistoj amu ĝin.

Danke al lia inteligento ni regule ĉiusemajne ricevas informojn pri ĉio, kio okazas en la aŭstralia Esperantujo, en kiu eĉ mi fieras loĝi kaj membri!

Do, nia kara kaj senlaca samideano, Roger, la heroo de la Aŭstralia Esperanto-movado, mi permesas al mi, nome de ni ĉiuj, esprimi miajn proksimume 1000 dankojn venintajn rekte el mia maljuna koro. Do, karega kaj laborema Roger, mi fieras pri vi kaj deziras al vi feliĉan datrevenon kune kun "Aŭstraliaj Esprantistoj". Ni sincere dankas vin dezirante ke tiu via grandega laboro, eĉ laborego, daŭros ankoraŭ multe da jaroj!

Plejege amikege, *Bob Felby*



# El Perto





Feliĉan sesan naskiĝdatrevenon al AE! Gratulojn kaj sincerajn bondezirojn Roger pro 340 eldonoj de nia propra novaĵletero.

Kvankam mi loĝas milojn da kilometroj for de la Orientaj Ŝtatoj (kaj iom pli proksime sed ankoraŭ for de Sud-aŭstralio) kaj ne povas ĉeesti kongresojn, mi ne sentas min fremdulino ĉar via eta eteraĵo ligas min kun la samideanoj tutlandaj, kaj eĉ kun kelkaj eksterlandaj.

Ĝojigas min la artikoletoj kaj fotoj ĉiusemajnaj, do, al Marcel, Bob, Franciska, Nicole, Jonathan, Joanne, Katja, Hazel, Helen, Petro, Heather, Chris, Kam, ĉiuj aliaj verketantoj, kaj nepre al Roĝer, dankon karaj geamikoj; ne laciĝu en viaj kreaj subtenoj de 'nia' nun 6-jaraĝa etulo.

Gratulojn! 🎶 😁 🎂 ❀ *Vera Payne*



# El Adelajdo



Kara Roger Mi gratulas vin pro via granda kontribuo al nia lingvo en Australio (kaj nun, mi supozas, ankaŭ alilande, ĉar la interreto ebligas tutmondan konversacion).

Iom domaĝe tamen, ke ĝis nun malmultaj sendas al vi artikol(et)ojn --mi mem kulpas tiurilate. Estus bone, se via bulteno vere fariĝus diskutejo de multe pli da homoj.

Ĉion bonan, *Trevor Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Armidale NSK



Karaj Roĝer kaj ricevantoj de "Aŭstraliaj Esperantistoj".

340 elsendoj kaj 6 jaroj. Kia atingo! Mi tiom alkutimiĝis al la ricevo de ĝi, ke mi pensis ke gi ja daŭris pli longe ol nur 6 jaroj. Por mi ĝi estas la plej grava ligilo al Esperantujo en Aŭstralio. Loĝante en iom izolita loko mi povas legi kion faras miaj Esperantaj amikoj tra Aŭstralio kaj sekvi eventojn, kiujn iufoje mi povos ĉeesti. Do gratulon Roger kaj via teamo pro via klopodo. El malgranda idekerno iĝis daŭra kaj valora ligilo. *Terry Manley*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El O'Sullivan Beach SA



La sesjariĝo de AE estas grava mejloŝtono por centoj da esperantistoj en nia mondoparto kaj preter ĝi, eĉ en Europaj landoj se mi ĝuste kalkulas.
La Roger-a filozofiaĵo spegulas la mian: “Estu feliĉa, kaj se vi ne povas esti feliĉa ne estu malfeliĉa.”
BONDEZIROJN KAJ GRATULOJN KAJ DANKOJN
Amike *Paulo Desailly*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Belgrave Melburno



Okaze de la sesjariĝo de A.E. mi kore gratulas Roĝeron pro la bonega laboro, kiun li faras por Esperanto kaj por la Esperantistoj. La enhavo, la plej grava parto de la gazeto, estas ĉiam interesa kaj la lingvo, parte pro la “Provleganto”, estas preskaŭ ĉiam perfekta. Ĝi legiĝas internacie, kaj ĝi unuigas la aŭstraliajn gesamideanojn. Do refoje: Gratulojn!, kaj mi trinkas je tio (akvon). *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ses jaroj - AEA gratulas!



Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor



Antaŭ ses jaroj, en Septembro Roger decidis krei regulan Esperanto novaĵbultenon por Aŭstralio. Kaj ne monatan, sed semajnan.

Kiam la unua eldono aperis en septembro 2011, verŝajne la plimulto de ni pensis; bona ideo…. sed ĝi verŝajne ne longe daŭros, eble ….. kelkajn semajnojn.

Nun post ses jaroj kaj 340 eldonoj de AE, Roger daŭrigas sian nekredeble valoran kontribuon al Esperanto en nia lando kaj ankaŭ eksterlande.

AE montras ke ĉiun senajnon io okazas en la Esperanto mondo en Aŭstralio. Ĝi estas praktika pruvo ke Esperanto fakte vivas kaj evoluas en nia lando.

**Kara Roger,**

**Restu sana kaj daŭrigu vian bonegan laboron por nia lingvo.**

Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor . *Sandor Horvath*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Sidnejo EFNSK





Gratulon pro la dissendo de ses jaroj da "Aŭstraliaj Esperantistoj". Havi tiun daŭran fonton de artikoloj kaj novaĵoj en Esperanto por regule legi estas vere bonege.

- *Jonathan Cooper*, prezidanto, Esperanto-Federacio de NSK

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El la Centra Marbordo kaj Novkastelo





La Esperanto-grupoj de la Centra Marbordo kaj Novkastelo gratulas vin, Roger kaj viajn helpantojn, je la atingo de ses jaroj da regula sendado de la novaĵletero "Aŭstraliaj Esperantistoj".

- *Alan Turvey*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Manlio





**Ses jaroj de la "Aŭstraliaj Esperantistoj".**

Multajn Gratulojn, Roĝero!

Vi kreas lokon por bona informado kaj forumon por diskuto.

Ne kredebla ke ĝi aperas semajne, eĉ dum vi vojaĝis eksterlanden.

Vere internacia afero, ĉu ne?

Bondezirojn al vi de Manlianoj.

*Chris Holliss*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Melburno La Melburna Esperanto-klubo



6 Jaroj !!

La Melburna Esperanto klubo gratulas Roger Springer pro lia senĉesa kaj fruktodona laboro dum ses jaroj de Aŭstraliaj Esperantistoj.

Pro lia bonega laboro kune kun liaj provlegantoj, ĉiun semajnon ni ricevas interesaĵojn kaj novaĵon el Aŭstralio kaj aliaj partoj de la mondo.

Ni esperas ke lia laboro daŭros dum jardekoj!



Dankon, Roger. *Heather Heldzingen*



# El Hobarto





Gratulon pro la sesa datreveno de la Aŭstraliaj Esperantistoj, kiu ofte prezentas informon kiu interesigas min. Mi dankas la organizistojn, redaktistojn kaj verkistojn de ĉI tiu e-gazeto, kiu espere prosperos kaj daŭros longe en la estontecon.

*Kam Lee*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Tura Beach NSK



Viaj novaĵleteroj plaĉegas, kvankam la tempo inter via elsendo kaj mia legado ofte malfruas.

Gratulegojn pro viaj daŭraj kontribuoj al la plibonigo de kompreno en niaj kluboj dum la pasintaj ses jaroj.

Longan vivon al AE.

Amike, Pavlo *Paul Gorny*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# *El Dooralong NSK*





Gratulojn pro la sesa datreveno de AE.

Per AE vi faras grandiozan kontribuaĵon al la Esperantista movado.

*Gerry Phelan.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Brisbana Esperanto-Societo (BES)



Kara Roger,

Ni en la Brisbana Esperanto Societo (BES) volas gratuli vin pro la tre bona kaj interesa novaĵletero "Aŭstraliaj Esperantistoj" kiun vi regule elsendas. Laŭ mia opinio, ĝi estas ĉiam leginda kaj estas elstara ilo por informi la esperantistojn aŭstraliajn pri tio, kio okazas en nia aŭstralia esperanta mondo. Viaj penoj estas tre ŝatataj!

Tre korajn salutojn de BES

*Doug Eising* (prezidanto de la BES)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Torquay (Vic) Esperanto Kafo-Klubo - ankaŭ konata kiel TEKK





gratulas Roger Springer kaj helpantojn pro ses jaroj da publikigado.

Jen la ligilo al ĉiuj publikigaĵoj: https://1drv.ms/f/s!Ar2nLf1GY157q0wYIeOQT4qFRW92

Amike, *John Adams*, Secretary, Torquay Esperanto Coffee Club



# El Kanbero





Roĝero, ni sendas dankon kaj gratulojn pro la datreveno de AE.

Vi subtenis la Aŭstralian esperantistaron kiam ĝi minacis disrompiĝi kaj AE iĝis la gluon inter ĝi.

*Hugh Malcolm* por la Kanbera esperantistareto.



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. I.



La adjektivoj estas vortoj kiuj specigas aŭ aldonas signifojn al substantivoj kaj personaj pronomoj. Ili ĉiuj finiĝas per la finaĵo "-a" kaj estas AŬ originalaj kun adjektiva radiko, kiel "granda", AŬ estas faritaj el aliaj kategorioj, per alikategoriigo, kiel "patra". Ne necese, sed ili situas kutime antaŭ siaj substantivoj, nelogike. Se ĝia substantivo estas plurala aŭ havas akuzativan finaĵon, ankaŭ la adjektivo ricevas ilin.

Apartenas al la adjektiva kategorio la adjektivfinaĵaj kaj la senfinaĵaj Numeraloj, la Artikolo, kaj la adjektivaj pronomoj, kiujn lastajn ni priskribos ĉe la substantivaj pronomoj, kiel faras ankaŭ P.A.G. kaj pluraj landaj lingvoj.

La signifo de multaj adjektivoj permesas esprimi la kvanton de la karakteraĵo, AŬ per adverbo kiel en "tre alta" kaj "sufiĉe alta" AŬ per komparo kiel en "pli granda ol alia domo" kaj en "Ĝi estas la plej granda (el ĉiuj)". Same kun malpli kaj malplej.

Notu ankaŭ la kunmetaĵojn "samsignifa" kaj "multhoma" (daŭigota) *Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

**Ĉapitro 2, Mi plenkreskiĝas, fariĝas laboristo kaj esperantisto** (8a ero)

Fine li ellasis min, kaj mi iris hejmen per mia mopedo, kaj dormis ĝis la mateno.

Do, ree mi devis trovi laboron. Dungis min la Reĝa Dana Poŝtservo, kaj mi fariĝis leterportisto. Io, kio tre plaĉis al mi.

Ĉar mi estis nur rezerva poŝtisto, mi petis ke oni dungu min kiel permanentan poŝtiston kun ruĝa jako, kaskedo, flava biciklo kaj pensio post kiam mi fariĝos 67-jara.

Oni min demandis, ĉu mi jam finis mian militservon. Mi respondis, ke ankoraŭ ne, ĉar mi rifuzas lerni mortigi aliajn homojn. Oni respondis, ke mi revenu post kiam mi estos fininta ĝin. Tio estis promeso, ĉu ne ?

Estis amuze esti poŝtisto. En la matenoj oni eliras kun milionoj da leteroj, inter kiuj multaj registritaj. Estis ĉiam minimume tri registritaj leteroj al Carlsberg, la bierfarejo. Oni do eniras kaj donas ĉiujn ordinarajn leterojn al iu oficisto. Por registritaj leteroj oni ricevas kuponon

permesantan al oni unu senpagan botelon da biero. Oni baldaŭ lernas prezenti nur unu registritan leteron, ricevi sian kuponon kaj foriri. Kelkajn minutojn poste oni revenas kun la dua registrita letero, ktp. ĝis la lasta. Tiel oni ricevas pli da biero, ĉu ne ?

En iu fabriketo oni produktis butikumsaketojn. La posedanto estis esperantisto. Al li mi portis kelkajn Esperanto-gazetojn. Li afable permesis al mi, ke mi portu la gazetojn hejmen, legu ilin tie, kaj donu ilin al li kiam mi revenos. Li estis bonegulo. Ĉiun someron li veturigis siajn dungitojn al Jugoslavujo por ferii. Iom post iom ankaŭ ili ekkonis Esperanton.

*Daŭrigota* *Bob Felby*





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17an de Septembro estis la tria sabato. Venis Roger, Chris, John, Eunice, kaj Ian.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



# AEA informas.





**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-09-16 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (2017-09-16 ĉeestis:

Esther, **Indrani**, Joanne, Sandor; Bradley el NZ, Arya, Rizki, Riyana el Indonezio

Ni nun kunvenas sabate matene, por ke la indonezianoj povas ĉeesti.

### (1) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en marto 2018 en Bekasi.

* Bedaŭrinde, Ilia ne plu estas parto de la LKK. Ni invitis Heidi Goes al nia kongreso. Ŝi forte kontraŭis/as tiun decidon.

* Ni nun negocas kun diversaj esperantistoj el Indonezio. Nova sperto por ni.

* Por varbi pli da eksterlandanoj, ni bezonas klarajn informojn pri la antaŭ kaj postkongresoj(Bali-Lombok)

* Kiel uzi Humphrey Tonkin kaj Zhou-Mack (muzikisto el Francio)? Ni ŝatus semenarion ĉe universitato kaj publikan koncerton.

* La hotelo Horison en Bekasi postulas minimume 40 partoprenantojn… do, defio por ni….. Venu mem. Kaj konvinku aliajn.

### (2) SOMERKURSARO/KONGRESO Januaro - 2019

Ni – pli aŭ malpli – decidis ke la venonta somerkursaro/kongreso okazu en Adelajdo.

Esther, Indrani kaj Sandor esploris Lincoln College. Bela loko, sed ege multekosta.

Ni esperas (ni ja ĉiam esperas) ke Esther povas negoci serioze kun ili kaj atingi pli "agrablan" prezon.

Venonta kunveno: sabaton, la 30/09/2017 je la 12:00 (Melburno), 11:30(Adelajdo), 9:00 (Ĝakarto), 14:00 (Aŭklando)

Esther, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor



# KION NUN FARI PRI LA PARTICIPOJ ?



Antaŭ kelka tempo ni ekzamenis la fakton, ke antaŭ kvardek jaroj verba pasiva voĉo ne ekzistis en Esperanto, ĉar Zamenhof ne kreis verban sufikson por tio. La uzataj kombinaĵoj de la kopulo "esti" kun adjektiva participo ne indikas agon de la verbo, sed nur la iaman staton de substantivo. Tiuj tri statoj estas: 1e. Per "-inta" kaj "-ita" la rezulto de antaŭe farita aktiva aŭ pasiva ago; 2e. Per "-anta" kaj "-ata" la nefinita aktiva aŭ pasiva ago, en iu ajn tempo; kaj 3e. Per "-onta" kaj "–ota" la atendo de baldaŭ okazonta ago aktiva aŭ pasiva.

Ĉar ni por la verba pasiva voĉo nun havas simplan sufiksitan verbon, ni ne plu bezonas uzi la multajn adjektivajn participojn por tio. Ĉu nun la lastaj estas superfluaj kaj nebezonataj en nia lingvo? Certe ne, ĉar ilin ni plu kaj utile uzadas kiel simplajn adjektivojn antaŭ substantivoj aŭ en predikativoj, kiel ekzemple "La brulanta arbaro restos timiganta" kaj "La punota infano montriĝas timigita kaj nun ploranta". Ankaŭ kiel adverboj ili plu estos tre utilaj, ekz. en "Ellitiĝinte kaj vestiĝinte la knabo nun foriras, ludonte en aŭstralia man-piedpilkumado", kaj en "Konsiderante la pluvon, mi decidis ne aktivi laborante en la ĝardeno". Tamen la stilo pli agrabliĝas, se ni uzas la adverbajn participojn malpli ofte ol en la angla lingvo. Aliflanke Esperanto estas riĉa je ses tiaj adjektivaj kaj adverbaj, kaj eĉ substantivaj, participoj, kiel la naĝintoj, la naĝantoj, kaj la naĝontoj, por kio la etnaj lingvoj bezonas tutajn frazojn.

Por instrui al lernantoj ne uzi la participojn por esprimi simplajn pasivajn agojn, lernolibroj pli utilas se ili komence instruas la uzadon de participoj nur antaŭ substantivoj. Nur post funda studo de tio ili instruu la diversajn voĉojn, do la aktivon, la unuvortan pasivon (-ati), la unuvortan medialon (-iĝi), kaj la unuvortan faktitivon (-igi). Post tio la predikativan uzon de participoj substantivaj kaj adjektivaj, kaj post tio menciante ke la malmoderna Esperanto uzis por la pasivo komplikajn formojn similajn al la eŭropaj lingvoj.

Se lernantoj demandos, kiel "-ati" povas uzati dum "-anta" kaj "-ata" signifas nefinitan agon, oni ne povas ne klarigi ke "-ati", nur kiel verbo kun verba finaĵo –as, -is, -os, -us, -u, aŭ –i, ne signifas tempon nek nefinitecon, sed nur pasivecon, pro la de Zamenhof aplikita Regulo pri Signiforedukto, kiu diras ke se sufikso aŭ finaĵo havas pli ol unu signifojn, kiel "falanto" povus signifi iun ajn substantivon, oni rajtas krei la reduktitan signifon por tia vorto, do "falanto" = nur persono, ne arbo. Tiel el la signiferoj de "-at", nome pasivo kaj tempo, oni povas redukti tion al nur pasivo, sed nur se la sufikso uzatas kiel verbo, do kun unu el la verbaj finaĵoj. Do "laŭdata" estas iu aŭ io en la nefinita procedo ricevi laŭdojn, dum "laŭdato" estas nur persono laŭdata kaj "laŭdati" estas nur la pasiva ago sen tempo aŭ nefiniteco, dum la tempo de tiu ago

esprimiĝas per la finaĵo –as aŭ –os aŭ –is, aŭ la modoj –us aŭ –u aŭ –i. Tiel ne ekzistas du tempindikiloj en unu vorto.

Do bonan sukceson en via instruado, kiun vi kompreneble tenos tiom simpla kiom eblas, kiel "La kverelo finatis de li" estas pli simpla ol ĉu Ĝi estas finita aŭ ĉu Ĝi estis finita aŭ ĉu Ĝi estis finata. *Marcel Leereveld.*

P.S. Ekzistas pli ol 200 specoj da kverko. Ili diferencas precipe per la sufiĉe malsamaj folioj. Pluraj belegas pro aŭtunaj folioj ruĝeckoloraj. Mia ĝardeno havas nur du kverkojn. De unu mi eĉ ne scias la nomon, ĉar ĝi naskiĝis kaj plantatis pli ol dek jarojn antaŭ ol mi naskatis. Ĝi estas grandega kaj la longeco de ĝiaj grandaj branĉoj duobliĝis dum la ĵusaj kvindek jaroj. Ĝiaj grandaj folioj estas malpli akre entranĉitaj ol ĉe la anglaj kverkoj. Ĝiaj folioj falas en la lasta parto de la vintro, kaj revenas en la lasta parto de la printempo. Mia alia kverko estas variaĵo de la speco 'Alĝeria Kverko", *Quercas canariensis*. Ĝi havas en la aŭtuno belan ruĝbrunan foliaron. Tiuj folioj mortas kaj bruniĝas en la fino de la vintro, kaj restas sur la branĉoj. Do estas malfacila decidi, ĉu la arbo estas sezonfolia aŭ jarfolia. Ĝi estis donaco de la Caulfield Esperanto-Klubo de S.rino Fink, por mia plurjara tiea instruado antaŭ kvardek jaroj. Alia arbdonaco, konifero, venis el de la melburna Esperantisto S.ro Izrael, origine de Hamburgo, kiel S.ro Gueltling. *Marcel.*





**3ZZZ** En la elsendo de la 18a de Septembro estas omaĝo al famkonata esperantistino, ankaŭ verkistino, kiu jam forlasis nin, Marjorie Boulton.



Vi ekscios ankaŭ ke la naturo povas surprizi nin kiel okazis en Kostariko.

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



# Ĉu la televid- kaj radioprogramoj , novaĵoj en la ĵurnaloj respegulas la aŭstralian socion

Merkredon la 13an de Septembro 2017 okazis en Deakin universitato en Melburno simpozio pri kultura diverseco kaj novaĵoj en Aŭstralio, alivorte ĉu la televid- kaj radioprogramoj , novaĵoj en la ĵurnaloj respegulas la aŭstralian socion kaj kontribuas al socia kohereco aŭ ne. La respondo estas bedaŭrinde ne. Eminentuloj kiel la eksprezidanto de la aŭstralia komisiono pri Homaj rajtoj, Gillian Triggs, aŭ Tracey Spicer, famkonata ĵurnalistino, helpis la ĉeestantojn debati kaj pensi pri rimedoj por plibonigi la situacion .La celoj samas tiujn de Esperanto: malgrandigi la riskojn de rasismo aŭ perforto per komunikado kun la aliaj homgrupoj, la "fremduloj" kvankam estas nature senti sin pli komforta inter homoj, kiuj havas samajn vidpunktojn, religiojn, vivfilozofion. *Franciska Toubale*



10 paĝoj sufiĉas. **La aliaj senditaj kaj novaj artikoloj aperos en AE341** **Roger S.**